## RÊGA BELGA LIGO ESPERANTISTA


Prezidanto : S-ro Maur. JAUMOTTE, De Bruynlaan, 44, Wilrijk.

Vicprezidanto-Kasisto : S-ro J. Soyeur, 91, Rue du Chêne, Seraing.

Vicprezidantino : S-ino J. Plyson, 185, rue Jourdan, Bruselo.

Ĝenerala Sekretario : S-ro H. Sielens, "Internacia Marista Domo" Falconrui, 21, Antverpeno.

(Poŝtĉeknumero : R. B. L. E. : 13.37.67)







Drukk. DE BAENE, Delaplacestr., 3, St.-Kruis


## La Universala Kongreso en Bruselo en 1960

### Ekfunkciado de la L.K.K.

En nia antaŭa numero, ni jam represigis raporton, aperintan en "Franca Esperantisto", rilate al la lasta paska kunsido de la estraro de U.E.A., dum kiu estis principe decidite ke la Universala Kongreso okazos en 1960, en Bruselo.

Kelkaj legantoj demandis al ni, kiu estas la diferenco inter tiurilata "principa" kaj "definitiva" decido.

Ni represas el la maja numero de la organo de U.E.A. "Esperanto" la jenon, rilate al tiu ĉiu decido :

« Por la Universala Kongreso en la jubilea jaro 1959 venis du invitoj : unu de Varsovio, la alia de Bruselo. La Estraro invitis S-ron Jaumotte, prezidanton de la Reĝa Belga Ligo, ĉeesti la debaton pri tiu ĉi punkto de la tagordo. Post tre detala diskuto, estis decidite telefone alvoki la oficejon de Asocio de Esperantistoj en Pollando, kiu en la sama tempo havis kunsidon de sia konsilantaro por peti informojn pri kelkaj gravaj elementoj. Ricevinte pozitivan respondon al ĉiuj starigitaj demandoj, la Estraro unuanime decidis, ke la Universala Kongreso en 1959 okazu en Varsovio ; sed samtempe decidis principe, ke la Universala Kongreso en 1960 okazu en Bruselo ».

El tio evidentiĝas ke la estraro prenis sian definitivan decidon pri Varsovio, nur post telefona interparolado dum kiu estis donita pozitiva respondo al diversaj demandoj.

Tio signifas ke la principa decido rilate al Bruselo estas fakte definitiva sed povus esti tamen nuligata se, — je Pasko de proksima jaro —, evidentiĝus ke la L.K.K. starigita en Bruselo estus nenion farinta por prepari la finsukceson. Kaj se do la Estraro povus havi dubojn pri la kapablo aŭ la sindono de la nomitaj L.K.K.-anoj.

Sed ĉar la L.K.K. jam nun ekfunkciis kaj kunsidas, ni povas esti certaj ke tio ne okazos kaj ke la decido do iĝos definitiva, dum la Paska Konferenco 1959.

Ni volas aldoni vorteton pri la diro ke, por la U.K. 1959, envenis du invitoj, do ankaŭ de Bruselo . . . Kiel ni jam skribis en nia antaŭa numero, Bruselo kandidatiĝis ne ĉar ĝi volas konkurenci Varsovion... Tute ne, Bruselo estis jam antaŭvidita oficiale por 1958 . . . Ni memvole rezignis . . . Ni ankaŭ neniam volis preni la lokon de Varsovio dum la jubilea jaro . . . Sed ni estis kaj estas pretaj preni niajn respondecojn por la jaro 1960.

*

* *

Nun sekvas plia vorteto pri la unua kunsido de la L.K.K. :

« La ankoraŭ nur skeleta L.K.K. kunvenis la 21an de junio en Bruselo. S-ro Maur. Jaumotte prezidis. Ĉeestis : S-roj G. Maertens kaj H. Sielens, vicprezidantoj ; S-ro R. Jacobs, S-ino J. Plyson kaj F-ino R. Huysmans, gemembroj.

S-ro R. Jacobs, prezidanto de la Brusela Grupo Esperantista, estis elektata kiel sekretario de la L.K.K. kaj lia adreso estos, dum la efektiva labor-

# Ĉu Lenin estis Esperantisto?

**Ŝtatministro Cam. Huysmans ne kredas**

Kelkfoje Esperantistoj diskutas pri la fakto, ĉu Lenin ĉu Stalin ĉu alia officialulo estis aŭ estas Esperantisto.

S-ro G. Van den Bossche, direktoro de " Belga Esperanto-Instituto ", sin direktis, rilate al Lenin, al Ŝtatministro Cam. Huysmans, prezidanto de la Belga Ĉambro de Deputitoj, kiu persone konis Lenin kaj kiu respondis, la 19an de majo, jene :

Estimata Sinjoro,

Se Lenine estus parolinta Esperanton, mi certe tion memorus, ĉar mi ankoraŭ hodiaŭ estas partiano de la praktika neceseco de internacia lingvo laŭ la modelo de Zamenhof kaj, ĉar en 1905 jam en Parizo mi mem ekagis por defendi tiun ideon. Estis dum internacia kunsido de la sindikatoj, dum kiu ankaŭ Jouhaux, defendis la saman vidpunkton.

Sindoneme via,

Cam. Huysmans.

Tiu ĉi klarigo povas esti konkludo por eventuala diskuto kaj estas samtempe ĝojiga novajo, ĉar tia oficiala aprobo de la denaskiĝa skeptikulo, kiu nomiĝas Cam. Huysmans, kaj samtempe de la unuarangulo en la belga hierarkio, estas kuraĝiga por ni, precipe ĉar ni scias ke la Ŝtatministro estas unu el la plej altkvalitaj lingvoscienculoj, kiu flue parolas multajn lingvojn kaj fakte plej malmulte mem bezonus la ĝeneraligon de uzado de nia lingvo.

* * *

Jus antaŭ la presigo de nia revuo, ni legis en la maja numero de " Jugoslavia Esperantisto " ekstrakton de artikolo, kiu aperis en la Letona ĵurnalo " Rigas Balss ", la 19an de marto, kaj el kiu parto precize rilatas al la " esperantisteco " de Lenin.

Ni do represas la jenan paragrafon :

« Pasintjare la 3an de decembro, Int Ĉaĉe (letona esperantisto-veterano, N.d.l.R.) prelegis pri Esperanto en Scienca domo « Maksim Gorkij » en Le-

periodo, tiu de la sekretariejo por la U.K. 1960. Gis tiam tamen la leteroj estu sendataj al la Prezidanto : De Bruynlaan, 44, Wilrijk.

F-ino R. Huysmans ekfunkcios kiel protokola sekretariino.

S-ino J. Plyson kaj F-ino R. Huysmans akceptis gvidi, je la taŭga momento, specialajn fakojn, kiuj estos verŝajne kaj respektive : la loĝiga kaj la ekskursa fako. La du vicprezidantoj, ĝustatempe, ankaŭ alprenos difinitan taskon.

Al D-ro Kempeneers, prezidanto de B.C.K.E., la L.K.K. direktas la peton, ekde nun, fari la necesajn paŝojn por akiri la tujan apogon de la urbo Bruselo kaj poste ankaŭ tiun de la registaro.

Fine, la membroj de la L.K.K., subskribis la regularon de la Kongresoj, kiu estos resendata al la Centra Oficejo de U.E.A. »



## LA ADMINISTRADO DE NIA LIGO

Dum la jarkunsido de la 22a de aprilo, estis elektata la nova administrantaro de R.B.L.E., kies kunmeto aperis en la " Belga Ŝtatgazeto " de la 24a de majo.

Tiu ĉi administrantaro konsistas nun el :

**ADMINISTRANTOJ A :** Grupaj delegitoj :

Antverpeno : S-roj R. Balleux, M. De Ketelaere, Fr. Schellekens, H. Sielens kaj J. Verstraeten ;

Bruĝo : S-roj D. De Meulenaere kaj Ch. Poupeye kaj F-ino Is. Van Parijs ;

Bruselo : F-ino R. Huysmans kaj S-ro R. Jacobs ;

Charleroi : Grafo Georges de Cuyper ;

Gento : S-ino Marg. Vandevelde ;

Lieĝo : S-ro J. Desonay ;

Verviers : S-ro J. Koeune ;

**ADMINISTRANTOJ B :** Izoluloj : S-ro Th. Van Gindertaelen ;

**ADMINISTRANTOJ C :** laŭstatutaj : S-roj M. Jaumotte ; P. Kempeneers, F. Mathieux kaj G. Van den Bossche ;

**ADMINISTRANTOJ D :** Kooptaj : S-ino A. Gruslet, S-roj R. Lagast kaj P. Paulus, S-ino J. Plyson kaj S-ro J. Soyeur.

**GEKOMISAROJ :** F-ino S. Obozinski kaj S-ro L. Everaert.

Dum la Ĝenerala Jarkinsido estis aprobataj la Bilanco kaj la Profit- kaj Perdo-kalkulo kaj estis esprimata la deziro ke, estonte, estu re-prezentataj kiel kandidatoj A kaj B nur administrintoj, kiuj ĉeestis almenaŭ la duonon de la administrantaraj kunsidoj dum la antaŭa jaro.

ningrado. Li parolis ankaŭ pri siaj memoroj okaze de renkontiĝoj kun Lenin. Int Ĉaĉe kaj N.V. Debvjatin vizitis Lenin en palaco Smolnyj, la 13an de aprilo en la jaro 1918. Dum tiu renkontiĝo ĉeestis ankaŭ A.V. Bunaĉarskij (tiam narkomo por kulturo kaj klerigo) kaj persona sekretario de Lenin, E.K. Drezen (estinta prezidanto de « Espero »-societo !). Lenin tiam rakontis ke ankaŭ li, estinte pli juna kaj vivinte en alilando, lernis Esperanton laŭ iu dekleciona franclingva lernolibro. Lenin krome rakontis ke dum kunsido de 2-a Internacio en Bruselo (la 18an de junio 1914) li prelegis en franca kaj esperanta lingvoj. Aldone estas ankaŭ menciinda la fakto ke verkisto Maksim Gorkij, kiam li revenis el Italujo du foje vizitis la societejon de « Espero » kaj parolis kun ili Esperante ».

Kaj nun ?

Ŝtatministro Huysmans kredas ke Lenin ne konis Esperanton en la tempo pri kiu li parolas, t.e. ĉirkaŭ 1905. Laŭ la ĉi supra teksto, oni povas kredi ke li konis ĝin en la jaro 1918 ; kaj jam de iom da tempo, ĉar li diris " estinte juna kaj vivinte en alilando ".

Lenin vivis ekster Rusujo, i.a. en Genève kaj Parizo, inter la jaroj 1899 kaj 1917. Ĉu do li lernis Esperanton iom post 1905 ?

Kiu diros ? Kiu definitive solvos tiun ĉi demandon ?



# Expo '58

La ĝenerala mondekspozicio 1958a komencis je Bruselo : la urbo de la nacioj larĝege malfermis siajn dek monumentecajn pordegojn kaj invitis ĉiujn popolojn al pacema renkonto por la plibonigo kaj plifortigo de la internaciaj rilatoj.

La Esperanto-movado povas fieri ke ĝi ĉiam troviĝis je la unua rango por alvenigi pli grandan alproksimiĝon je monda plano kaj senĉese klopodis por plia interŝanĝo kaj interkonsento inter la popoloj. Tamen ankaŭ al ĝi necesas, sekve de natura evoluo, pli akre difini propran vidpunkton kaj teniĝon rilate al la nuna mondo kaj ĝiaj problemoj kaj pripensi la taŭgajn adoptaĵojn, kiujn internacia situo ŝanĝita al ĝi imponas.

Neniam eble en la kuro de la historio la kresko de la tuta mondo al unueco estis tiel klare videbla kiel nun. La ega antaŭiro de la tekniko ŝanĝis la vizaĝon de la mondo kaj forviŝis ĉiujn limojn se ne tute tiam tamen plejparte. Sekve de tio, ĉiuj homoj, ĉiuj popoloj, ĉiuj nacioj kaj ĉiuj rasoj iĝas pli kaj pli interdependaj ; kreskanta solidaro iĝas ne nur necesaĵo sed eĉ realaĵo. Kiel elokvente la ekonomie feblaj landoj sentas korpe la ekonomian malantaŭiron de gvida nacio kaj " vice versa " al kiuj politikaj malfacilaĵoj iuj incidentoj en eta lando povas konduki en ŝajne nevundebla ŝtato ? Enlandaj malfacilaĵoj ne bezonas multe por ekbruli kaj kaŭzi egan internacian ĉenreagon, kiu rezultigas kruelan mond-militon . . .

Estas do tute klare ke nepras streĉi ĉiujn fortojn por vekigi en ĉiuj mezoj de la socio, precipe en la gvidaj rondoj, realan **konscion de la bezona internacia respondeco kaj priokupo** ; ankaŭ la Esperanto-movado ne povas retiriĝi de ĉi tiu deviga pliprofundigo kaj purigo se ĝi intencas resti vivkapabla kaj ne celas nei la iam de Zamenhof proklamitan " internan ideon ". Kie la nacioj reciproke pli kaj pli apudiĝis per modernaj teknikaj helpiloj kiel radio, gazetaro, televizio, libro aŭ filmo, tie konstatiĝis ke ĉi helpiloj ne eblis kunligi ankaŭ la spiritojn : profunda abismo de nekompreno, malfido kaj eĉ malofte malameco troviĝas inter ili.

Tia negativa teniĝo estas nur eksplikebla per ne sufiĉa kompreno kaj, kiel paradoksa ankaŭ, per ne sufiĉa kono reciproka ; ĉar se la



tekniko faris la homojn pli dependaj iuj de aliaj materie, je spirita kaj socia plano kelkaj ankoraŭ vivas se ne en la mezepoko, tamen en la pasinta jarcento.

Por alveni al pli granda kompreno, al reciproka estimo kaj kunlaboro necesas unualoke **sincera kaj malfermiĝa konversacio**. Se tiu renkonto de la popoloj celas reale esti fruktodona, ĉiuj devas senigi sin de la enradikiĝaj antaŭjuĝoj kaj miskonceptoj, kiuj estiĝis sub la influo de partieco aŭ nekompleta informado, kaj devas klopodi intense por venkigi universan spiritecon je ĉiuj ŝovinismo kaj naciismo. Ĉu necesas argumenti ke estas precipe la blankulo, kiu devas adapti sian konserveman kaj preterpasitan vivkoncepton al la bezonoj de ŝanĝita mondkarto, li kiu longtempe ludis rolon tiel grandan kaj gvidan en la mondhistorio ? Nur tiam ebeniĝos vojo al sincera konversacio, kiu konsistas el aŭskulto kaj parolo reciprokaj.

Ke nia movado komprenu ĉi tiun nun tempan postulon kaj ĝustatempe sin reorientu : **ĝi enmetu pli universan spiritecon en sia korespondа aparato** por tiel plifaciligi kaj nutri ĉi malfermiĝan kaj sinceran interparolon, ĉi reciprokajn voĉadon kaj aŭskulton, ĉi mondforumon. Per la pliprofundigo kaj raciigo de la propra internacia agado kaj por la kunlaboro al komuna konstruo de " mondo por la homo " kun ĉiuj, kiuj montras boneman volon, la Esperanto-movado vidigos pluan fojon siajn sincerajn intencojn por starigi la mondpacon.

Ankaŭ la aranĝistoj de " Expo " komprenis la grandan gravecon de tiu konversacio, de tiu personeca kontakto ; tio pruviĝas el ilia grandega atento por sukcesigi la akceptan agadon. Sed nura lingva kono ne kreas pli homemajn rilatojn kiam samtempe ĝin ne akompanas universa orienteco kaj akceptemo ; en multaj sociecaj rondoj kaj unuiĝoj oni feliĉe faris multajn aranĝojn por certigi al miloj da vizitantoj de la popola urbo gasteman ekcepton kaj krei favoran klimaton por semi la semaĵon de la frateco. Multaj fremduloj tiel pere de tiuj organizaĵoj aŭ privataj iniciatoj estas loĝigitaj ĉe familio, kio certe okazigos la starigon de fruktodonajn kontaktojn.

Ĉi kontaktoj pliklarigos al ni ĉiuj ke blankulo tiel same kiel nigrulo, brunulo aŭ flavulo apartenas al unu sama granda familio, la " homa familio ", en kiu ĉiu estas egale homo, egale honorinda, unuvorte egalvalora. Malsamaj civilizaĵoj ne formas malajn ekstremaĵojn sed kontraŭe estas valorplenaj eroj de belega, harmonia mozaiko. En la persona interrilato iu homo lernas koni alian homon, kun ĝiuj virtoj kaj ĝiaj pekoj, kun ĝia kultura riĉo kaj ankoraŭ ĝia ho ve materia mizero kaj bezonego. Kaj ĉi estas la granda faktoro en la disvastigo de la paco, nome mildigi ĉi tiun mizeron kaj bezonegon . . . la ĉielprovoka bezonego kaj malfeliĉego de du trionoj de la monda loĝantaro . . . ! Ĉu ne estas amara ironio paroli pri paco kaj frateco kiam oni lasas perei sian meziran kunulon en malfeliĉigega cirkonstanco ?

En Afriko, Azio, Sud-Ameriko, Proksima kaj Fora Oriento, vivas pli ol unu kaj duono miljardo da homoj, de kiu la nombro jare kreskegas. Nu, tiuj pli ol unu kaj duono miljardo da homoj severege estas kondamnitaj por daŭre suferi pro malsato kaj resti subnutritaj.

Analfabetismo, epidemioj kaj multego da malsanoj diktatoras je tiuj kontinentoj kaj formas kune kun socia, agrikultura kaj ekonomia postresto la ĉiam malpli kaj malpli superrigardeblan problemon de la landoj troviĝantaj en la " zono de malriĉo " sub la trideka paralelo.

Laŭ Profesoro Einstein, la fama matematikisto kaj Nobelpremiito, ĉi tio estas ja multe pli grava ol la apliko de la kernenergio, kune kun tiu problemo kiu poziĝas rilate al la kreskanta malkontenteco de la malriĉaj popoloj je la egaj sociaj diferencoj en la mondo. Kie en la antaŭa jarcento ekflamis batalo inter la proletaro kaj la gvida klaso en Eŭropo, tie ŝajnas konduki preskaŭ samaj malfavoraj situoj al sama evoluo sed tiam je internacia plano. La proletaj landoj ekkonscias siajn postreston kaj mizeron kaj ekserĉas en la unueco la forton kiu morgaŭ ebligos al ili postulegi egalecon kaj respekton de la potencaj nacioj, se ne ankoraŭ akiritaj : tiuj nacioj ĝis nun malfeliĉe nur tre malofte pruvis sian komprenon por tiuj malfavoraj situoj . . .

Ke la ĝenerala mondekspozicio 1958a, tion ni esperegas, vekigu la konsciencon de la mondo kaj kreskigu pli da intereson por la nobla kaj tiel urĝnecesa laboro de la Unuiĝaj Nacioj kaj ĝiaj specialistaj organizaĵoj kiel la Nutraĵa kaj Agrikultura Organizaĵo (F.A.O.), la Eduka, Socia kaj Kultura Organizaĵo (UNESCO), la Monda Sanorganizaĵo (W.H.O.) k.a. Ni ne devas pensi ke nur moralaj postuloj nin devigas al helpo de la malriĉaj landoj : se la riĉaj celas konservi sian altan vivnivelon ili bezonas ĉiam pli kaj pli grandan vendoteritorion : nu, la helpo al la bezonsuferaj landoj ebligos tiujn pli kaj pli funkcii kiel necesaj aĉetantaj nacioj. Estas precipe la palacoj de la Unuiĝaj nacioj kaj tiu de la mondkunlaboro kiuj montras per bildoj, grafikoj, fotegoj, filmoj k.a. la neceson de tiu mondkoopero. Kune kun la internaciaj pavilonoj ĉi tiuj palacoj konkretigas la esperon al pli bona mondo de ĉiuj kiuj kunfaris la universan kaj internacian ekspozicion 1958a.

Do la laboro nin atendas. Ke ĉiuj, kaj precipe la Esperantistoj, ne restu indiferentaj je tiu ĉi kritika momento sed spontane prezentu sian helpon, kie ĝi petiĝas en la propraj kaj aliaj internaciaj organizaĵoj. Ke ili fervore klopodu por penetrigi universan spiritecon en ĉiuj eroj de la socio por ke tuj la konversacio kun la nigra, bruna aŭ flava frato konduku al reala interkonsento kaj kunlaboro por la atingo de la komuna celo : pli da feliĉo kaj paco al ĉiuj homoj !

Pluvarko.





## LA ĜENERALA MONDEKSPOZICIO EN BRUSELO 1958 : MANIFESTACIO DE MODERNA HUMANISMO.

Ne pasas unu tago sen ke ni legas titolojn, artikolojn, alvokojn por iri al la Universala ekspozicio en Bruselo okazonta. Ĉiutage pluraj gazetoj donas fotojn pri ĝia konstruo, aŭ pri la laboro de tiu vere giganta entrepreno. Se multaj aferoj kiuj okupas nin, foje la daŭron de kelkaj tagoj povas resti ekster nia atento, tio tute ne eblas kun la Expo '58. Kien ajn ni direktas niajn okulojn, ni vidas la ciferojn 58 aŭ la malregulan kvinpintan stelon kun la globo. La animstato de junaj personoj estas tiu de scivolema atendo je tiu por ili unua, grandioza, tute nova kaj iom mistera okazantaĵo. Pli maljunaj personoj pensas pri pasintaj mondekspozicioj : tiu de 1935 ekzemple ankaŭ en Bruselo : aŭ aliaj pli fruaj, de la komenco de nia jarcento, kaj kies famo ne ankoraŭ mortis. Kaj ili emas kompari. Kaj ja ĉiuj konsentas ke intertempe la homaro faris nekredeblajn progresojn sur materia tereno : progresoj kiuj estas montrataj kaj kiuj do faras la ekspozicion eksterordinare interesa. Jes ! la evento de la jarcento (kiel oni jam kelkfoje havis la futbalkonkurson de la jarcento !)

Tre malmultaj tamen scias ke tiu-ĉi ekspozicio esence malsimilas de ĉiuj antaŭe okazintaj. Ne en tio ke ĝi estas multe pli vasta ; nek en tio ke neniam antaŭe estis tiom da partoprenantoj ; sed en la koncepto de ekspozicio. Pro la tre multaj kaj miregigaj materiaj progresoj, multaj homoj pensas ke nur la materio valoras kaj ke la materio diktas la vivkondiĉojn, eĉ la pensojn. Nu, tiu-ĉi ekspozicio proklamas la suverenecon de la spirito, kaj atentigas denove ke la materio devas esti servanto de la homo, ne diktatoro. Ĝi plie atentigas pri la spirita unueco de ĉiuj homoj kaj pri la konsekvencoj konkludendaj el tiu fakto.

Do, estas ideologia bazo je tiu ekspozicio ! Tion ni vidas en la tuta ekspozicia vivo. Kiam je 17 Aprilo, tiu miniatura mondo estis malfermata, komenciĝis ne nur vastega kaj interesega elmontrado, sed ankaŭ periodo de riĉa kaj varia kultur-, art-, kaj literaturagado. Dum ses monatoj tiu ekspozicio estos honorigo al la homo en ĝia kompleteco, speciale al ĝia krea genio. Tial ĝi okazas sub signo ne de la tekniko aŭ de la materio, sed subsigno de la humanismo. Oni prilumas tie ankaŭ la spiritajn akiraĵojn de la homo kaj ĝiajn intelektajn laborojn. Estas pro tio ke okazas multaj kongresoj. Nun jam certe pli ol sepdek ! Celo estas : pliproksimigi kaj daŭre interrilatigi intelektajn esploristojn de la tuta mondo. Dum tiuj semajnoj ili povas komuniki unu al la aliaj siajn provojn, rezultatojn, rimarkojn, sugestojn. Se ni povas tiel diri, la ekspozicio havas temon, nome : la homo en la mondo de hodiaŭ kaj de morgaŭ. Kaj pro tio la estraro de la ekspozicio petas ke absolute ĉiuj kongresoj okupiĝu dum almenaŭ unu kunveno pri specife homaj problemoj kaj ke ili verku raporton pri tio. Ĉiuj tiuj studoj estos en unu ĝenerala raporto kunigataj kaj formos ampleksan dokumenton. Inter la plej elstaraj manifestacioj estas du artekspozicioj. Ĉiuj muzeoj de la mondo estas petataj parto-

preni. Unua ekspozicio montras la arton de la prahistorio ĝis nun. Dua la nunan arton en la tuta mondo. La partoprenantaj nacioj organizas specialajn naciajn tagojn kun folkloraj kaj aliaj festoj. La programo provizore jam mencias 74 da tiaj tagoj. Tridek artistgrupoj certigis prezentadojn plej diversspecajn. Estus tro detale priskribi tie-ĉi la eksterordinarajn standojn kiujn starigis la partoprenantaj ŝtatoj. Ekzemple en la kadro de Belgujo estas planita la " Palaco de la Eleganteco ". Tie okazas la solenaĵoj kaj en angulo de ĝi estas la pavilono de la diamantoj, kaj tiu de la luksaĵoj. Sennombraj estas la belegaĵoj tie kaj la tuto prezentas neimageblan belon.

Por atingi supremenciitan celon, la estraro disponigas multajn salonojn ekzemple palacon IX (2.500 lokoj). Estas aparatoj kiuj ebligos samtempan tradukon en multaj lingvoj. Tiu estraro zorgis ankaŭ, flanke de la privatuloj, pri loĝado. Estas konstruita sub la nomo " Expo-Motel 1958 " iu urbeto kun du mil ĉambroj po du litoj, poŝtoficejo, telefonoj, Ruĝa Kruco. Estas ankaŭ tereno por tendumi. Ĝi volis ankaŭ ke la tuta lando preparu sin por akcepti la gastojn en '58. Tial ĝi instigis la popolon por lerni fremdajn lingvojn per kursoj. Ĝi organizis plie kampanjon por ĝentileco flanke de ĉiuj oficistoj. Kaj fine : la tuta lando devas havi belan aspekton. Ĉiuj publikaj konstruaĵoj kaj vojoj estas ornamitaj per floroj.

Laŭ sia maniero la estraro de la ekspozicio volas servi la sferon de la mondpaco. Ne malpli ol tion ĝi celas ! Jam tre multaj provoj okazis en la mondhistorio. Ili ĉiuj malsukcesis. Tiel ke la homoj iĝis tro skeptikaj kaj ke ili emas ridi kiam ili aŭdas pri tiaj projektoj. Mi petas por foje dum momento kompari kun kelkaj antaŭaj provoj. La Egipta faraono Aknaton kredis povi atingi mondpacon ĵetante la ideon de la ekzisto de nur unu Dio kies gefiloj estas ĉiuj homoj. (Li malatentis la militemon de la militistaj staboj kaj la egoismon de la amasoj). La Angla reĝo Hendriko la VIa fondis la faman Eton College por nur estontaj regantoj, pensante ke post interamikiĝo sur la studobenkoj ili ne plu almilitos unu la alian. (Li malatentis ke tiuj princoj, sur la reĝotrono, staras sub influoj : kaj ke aliaj povoj, ekonomiaj ekzemple, povas al ili dikti la leĝon). En la periodo inter la du mondmilitoj laboregis multaj pacifistaj movadoj. Kiuj trajtoj ĉefe karakterizis ilin ? : multe da romantismo, bona volo, kaj idealismo kiu evidente ekzistas nur ĉe malplimulto. Kaj nun tiu-ĉi provo ? ! Ĉu nova romantismo ? Rimarku ke ĝi nur pretendas helpi sur la dornoplena vojo al pli bona, ankaŭ pli paca (?) estonto. Kaj rimarku precipe la realisman bazon : " Kiel en la 15a jarcento multaj landoj " unuiĝis (tiel ke interne de la landoj multe malpli da feŭdaj bataloj " okazis) tiel nun la mondo unuiĝas ; kaj en tiu unuiĝanta mondo la " ŝtatoj estas tiel interdependaj rilate ekonomion kaj aliajn aferojn " ke mondmilito estus preskaŭ egala al sinmortigo. Tion vi ekscias " en la ekspozicio (i.a. la standoj de la supernaciaj organizoj). Forigante materiajn missituaciojn kaj bezonojn, ĉu oni ne forigas plej " gravan kaŭzon de individuaj kaj araj konfliktoj ? (Mi pensas tie-" ĉi pri la parolo de Lord Boyd Orr : la pano estas la paco.) "





Kiun signifon tiu-ĉi ekspozicio havos en la historio ? Oni neniam scias antaŭe. Kelkaj regadoj estas famaj i.a. pro ekspozicioj kiuj okazis. Mi havas en la ideo tiujn de Napoleono III kaj de reĝo Vilhelmo Ia en la Unuigita Regno de la Nederlandoj. Mi estas konvinkita ke la signifo povas esti eksterordinare granda. Ĉiuokaze la organizantoj povas deklari siaj la vortojn de Dr. Zamenhof :

" Ni semas kaj semas, neniam laciĝas
pri tempoj estontaj pensante.
Cent semoj perdiĝas, mil semoj perdiĝas ;
Ni semas kaj semas konstante. "

Multaj sentas pravan fierecon pro tio ke tia manifestacio okazas en propra lando ; en propra urbo. Sed kiu ajn estu la sento aŭ la konvinko, la ideo de la ekspozicio kaj tia konkretigo de ĝi ne nur pleniĝas ĉiun homon per admirego, sed ĝi igas la homon momenton halti . . . kaj pensi . . .

I. Fioretti.

## KORESPONDO

— Du s-anoj 28-jaraj deziras korespondi kaj interŝanĝi pm., bildkartojn kaj Esperantaĵojn kun ges-anoj el Belgujo. Adr. : Albert HENZL, Hornicka, 172, ZALUZI u Mostu, Ĉehoslovakujo.

— Rumana juna samideano Dincov Ionel, Str. Zalomit 10 Bukuresto 30, Rumanujo, deziras korespondi pri la Brusela Ekspozicio : informojn, bildkartojn, ktp. kun juna belga samideano.

Ankaŭ LUPANEKU, Dan, el Bukuresti, kiu forgesis skribi sian adreson sur la leterpapero, eble nur sur la koverto, sed al kiu oni povas, pri la sama temo, skribi al la supra adreso.

— Por universala amikeco : per korespondado kaj interŝanĝo : Bonvolu anonci senpage en dumonata organo de « Universala Amikeco », Box 1960R, GPO, Melbourne, Aŭstralujo. Jara membropago unu dolaro (neŝtampitaj memorigaj pm. akceptataj aŭ 15 rk.)

— Ladilao KAPUSI, Miŝkolc ; A'rok, U, 25 Hungarujo deziras korespondi kun belgaj samideanoj. Pm. PK. esper. glumarkoj.

— Odincove Rimma, Jalta, Krasnokamenke 61 USSR deziras korespondi pri ĉiuj temoj kaj interŝanĝas ilustritajn PK.

— Boian Conev Pankov, Stalingrad-kvartalo 220 en SVISTON, Bulgarujo kaj multaj samurbanoj gelaboristoj deziras korespondantojn.

— Carlos Evandro Teixeira, delegacia seccional imposto renda, ITAJUBA, Minas Gerais, Brazilio, deziras korespondi kun belgaj esperantistoj : PM. PK.

# BELGA KRONIKO

**Prezidanto : S-ro Maur. JAUMOTTE, De Bruynlaan, 44, Wilrijk.**
**Vicprezidanto-Kasisto : S-ro J. Soyeur, 91, Rue du Chêne, Seraing.**
**Vicprezidantino : S-ino J. Plyson, 185, rue Jourdan, Bruselo.**
**Generala Sekretario : S-ro H. Sielens, « Internacia Marista Domo », Falconrui, 21, Antverpeno.**
(Poŝtĉeknumero : R.B.L.E. : 13.37.67)

ANTVERPENO

**Esperanto-Grupo « La Verda Stelo »**
(Poŝtĉeknumero : 726.54)

La konkludo de nia antaŭa raporto estis kelkaj vortoj pri la EKI-vespero, dum kiu estis prezentata la germana filmo pri la Kongreso de Marseille, kies havigon plifaciligis, dank'al paŝoj ĉe la germanaj oficialaj instancoj, S-ro R. Van Eynde. Tiun vesperon ankaŭ parolis nia nederlanda samideano S-ro Van Haren, prezidanto de la Federacio de Laboristoj Esperantistaj (nederlandlingva teritorio), kiu parolis pri « La Aranĝoj en Eŭropo kaj la Ŝanĝoj por Esperanto », temo bonege pritraktita per kiu la paroladisto akiris varman aplaŭdon kaj laŭdajn vortojn flanke de la EKI-prezidanto, S-ro M. Jaumotte.

La 2an de majo diversaj partoprenintoj al la Ora Jubileo en Charleroi raportis pri la okazintaĵoj ! S-ino L. Merckx kaj S-roj J. Borghijs, P. Flament, A. Peper, kies raportojn la Prezidanto kompletigis.

La 9an S-ro Maur. Jaumotte paroladis denove pri la Internacia Ekspozicio de Bruselo. Per trafaj lumbildoj kaj multaj detaloj, li daŭrigis sian paroladon, kiun li komencis antaŭ unu monato. Li nun konigis siajn freŝajn unuajn impresojn. Amuzaj travivaĵoj alternis kun seriozaj komentarioj kaj faris de la tuto kvazaŭ multfacetan globon, kiu similas al la Atomiumo kiam vespere la multegaj lumetoj brilas ĉirkaŭen kaj diskonigas la feinan atmosferon de tiu mirinda konstruaĵo. Varma aplaŭdo aŭdiĝis por rekompenci la paroladiston.

La 16an, S-ro Fr. Schellekens, helpata de F-ino H. Hofkens kaj sur la tehnika tereno de S-ro J. Montmirail, denove organizis parolatan ĵurnalon laŭ la maniero, kiun li aplikis jam diversfoje. Kvankam la enhavo ne estis tiel ampleksa kiel kutime tamen la valoro estis despli granda kaj donis al la Prezidanto la eblecon substreki la necesecon de pliaj tiaj vesperoj. S-ro F. Schellekens kaj liaj gekunlaborantoj akiris varman aplaŭdon.

La 23an, S-ro Roger Jaumotte organizis distran vesperon. Same kiel la antaŭajn fojojn li, diversmaniere, ree trovis la bonan metodon distri aŭ amuzi la ĉeestantojn kaj havigi kelkajn senzorgajn horojn en amika sfero. Li akiris plenan sukceson.

La 30an, okazis la lasta kabareta vespero de la sezono. Kiel ĉiam ĝi denove havis bonan sukceson dank' al la vigla kunlaboro de F-inoj H De Coene, Mar. Dehertoghe, Cl. Peeters, E. Van der Weken ; S-roj A. Duchesne, Fr. Schellekens kaj M. Van Brabant. Paroladisto estis S-ro Luc De Marré ; la lumaranĝojn prizorgis S-ro A. Van Dessel kaj la dekorojn S-ro Fr. Schellekens dum S-ro J. Verstraeten reĝisoris. Kun la speciala intenco prezenti la saman programon en la grupo de Bruselo, F-ino Rosette Huysmans, ĝia sekretariino, plene kunlaboris al la sukceso kaj kiel gasto Fraŭlo Eddy Bogaerts per sia akordion-ludado plibeligis la vesperon pro kio la Prezidanto donacis al li agrablan surprizon.

La 6an de junio, la verdstelanoj faris la tradician viziton al la Pentekosta antverpena kermeso kaj, post rondirado dum kiu oni bonege amuziĝis, la vespero estis konkludata per la gustumado de bonegaj vafloj.








La 13an, F-ino Mar. Dehertoghe kaj S-ro A. Duchesne paroladis kaj montris filmon pri sia « Vojaĝo al Jeruzalemo ». Ambaŭ estis gelernintoj de la lasta kurso kaj tamen F-ino Dehertoghe, kiu faris la enkondukon, mirige surprizis la ĉeestantojn per sia varma emociplena voĉo kaj la facileco per kiu ŝi parolas Esperanton. La enhavo de ŝia raporto estis tiel interesa kaj vivoplena ke absoluta silento regis en la salono. S-ro Duchesne montris per kolorita filmo memverkita la belan vojaĝon tra la orienta parto de Eŭropo. Kiel gasto S-ro Mombaert, familiano de la geparoladistoj, post enkonduka komentario, prezentis siavice sian belan kolorfilmon ankaŭ pri la « Sankta Lando ». En vera entuziasma atmosfero, S-ro Maur. Jaumotte dankis tutspeciale la paroladistojn pro la tre brila vespero.

La 20an, okazis la dua « Tra la Mondo »-vespero, kiu, tiun ĉi fojon, temis pri Francujo. Evidentiĝis, ke la alportitaj kunlaboroj estas tro ampleksaj por unu vespero. Kaj la programo pri Francujo estos do daŭrigata en posta kunsido. Dum tiu ĉi vespero, parolis S-ino L. Merckx, S-ro H. De Roover, F-ino H. Hofkens, S-ino Paula Tytgat-De Ketelaere, S-ro Van Brabant, S-ino Elsevier, dum S-ro L. De Marré kaj la prezidanto ankaŭ aldonis sian kunlaboron. Estis plej interesa vespero, dum kiu oni havis la okazon vidi aŭ revidi multajn belaĵojn.

La 27an, sekvis la diplomdisdono al la lernintoj de la somera kurso, gvidita de S-ro Luc De Marré. Post la kutimaj gratuloj kaj konsiloj, direktitaj de la prezidanto S-ro Maur. Jaumotte al la lernintoj kaj la dankoj speciale al la profesoro kaj ankaŭ al la juĝintoj, estis proklamata la rezultato de la ekzameno. Eksterserie, sed kun plej granda merito, la prezidanto tutspeciale menciis la Blindulon S-ron Marcel Vandervloet, kiu, malgraŭ la fakto ke li ne povas sekvi en libro nek sur la nigra tabulo, tamen daŭrigis la ĉeeston de ordinara kurso kaj vere bonege faris sian ekzamenon, kiel estis pruvata per lia Braille-legado de memverkita teksto. Meze de plej simpatia aplaŭdo, la diplomo estis transdonata al la kara samideano. Poste okazis samo por la aliaj lernintoj, kiuj akiris la diplomon : **kun plej granda merito :** S-ro H. De Roover kaj F-ino Liesbeth Ghyssaert ; **kun granda merito :** S-ro Paul De Roover, S-ino A. Van den Eeden, S-ro Leo Van Eeckhoven, F-ino Nora Borgers, S-ino P. De Roover, S-ro Hellings, F-ino Godel. Van Eeckhoven, S-ro Bob Berden kaj




ESPERANTISTOJ ĜUAS RABATON.

F-ino Magda Van Eeckhoven ; **kun merito** : S-ino Hellings, S-ro L. Van den Eeden, F-ino Gilb. Frijters kaj S-ino Fel. Thys ; dum ankaŭ **sukcesis kun min. 60 %** : S-ro Maur. Inowlocki, S-ro W. Girbig, S-ro Gilb. Vermeulen kaj S-ro Alex Nouten. S-ino Hellings, kun plej koraj dankvortoj ankaŭ belan donacon transdonis al S-ro De Marré, kiu siavice konsilis siajn lernintojn kaj instigis ilin al kuraĝa daŭrigo.

Sekvis tiam kabaretprogramo ,plene kunmetata de lernintoj de tiu ĉi kurso. S-ro De Marré mem prezentis la numerojn. Okazis deklamadoj de S-ro R. Hellings kaj de S-ro H. De Roover, kiu prezentis memverkitan adaptigon laŭ nederlanda teksto; skeĉoj de Ges. W. kaj M. Girbig kaj de F-ino Yv. Cools kaj S-ro Fern. Aertssens; gantpupa prezentado fare de la familio t.e. patro, patrino kaj filo De Roover, kaj krome artaj muzikprezentadoj fare de la blinda artisto M. Vandervloet, plej lerta ĉe la pianoforto, kaj de F-ino L. Ghyssaert, tre vigla violonĉelistino, kiu estis ĉe la piano akompanata de S-ino Thys. Ĉio kune, estis bonega prezentado kaj la prezidanto, per kelkaj pliaj dankvortoj, konkludis tiun esceptan vesperon, sendante ankaŭ specialan koran saluton al la blindulino S-ino Vandervloet, kiu pro malsano kuŝas jam de longe sur la lito, sed kiu pere de sia edzo ankaŭ lernis nian lingvon, kaj, dank'al la surbendigo, surprize povis saluti la ĉeestantaron !

**Funebro**

Ni kun vera bedaŭro eksciis pri la morto, je 78jara aĝo, de la pro honora policaj komisaro Jules Derweduwen, kiu dum multaj jaroj estis membro de la grupo, sed kiu estas plej bone konata pro sia laboro en la policaj medioj. Li ja estis prezidanto de la polica Esperantista Grupo de Antverpeno, kaj, dum la XXa Universala Kongreso en Antverpeno. — estis li, kiu oficiale akceptis, dum ceremonio, la flagon, kiun donacis nia Grupo al la Polica sekcio.

**Septembro** : la 1-an : parolado de S-ino Erna Sindwad, hinda samideanino, kiu, antaŭ la milito, loĝis en Belguio kaj kiu parolos pri « Chicago ».

**Programo de la venontaj kunsidoj :**
Ĉiuvendrede en « Witte Leeuw », Frankrijklei, 4 je la 20.15a h (1a etaĝo)
**Julio** : La 4an: Parolado de S-ro Claude Piron pri « Usono » ; la 11an: Filmvespero; la 18an: Promenado tra la urbo gvidota de S-ro E. Paesmans; la 25an: Radiofona teatraĵo « Ĉu vi volas edziniĝi al mi ? »
**Aŭgusto** : La 1an: Parolado de S-ro R. Balleux pri « Hispanujo » (kun lumbildoj); la 8an: Libertempaj raportoj; la 15an: Antverpena kermeso : NE KUNVENO ; la 22an: Raportoj pri la Universala Kongreso en Mainz; la 29an: Libertempaj raportoj.

BRUĜO
**Bruĝa Grupo Esperantista.**
(Poŝtĉeknumero: 4835.33)

La perfektiga kurso estis daŭrigata dum la unua horo de ĉiu kunveno. Inter la programeroj de la dua horo estas menciindaj : La 15-an de aprilo, Sro. R. Behaeghel gvidis interesajn konkursojn. La 22an, estis raportata pri la administrantara kaj pri la ĝenerala kunsidoj de R.B.L.E. en Bruselo kaj lastaj aranĝoj estis alprenataj pri la ĉeestado de la jubileaj festoj en Charleroi.

Al tiuj festoj, dimanĉon 27an de aprilo, ĉeestis naŭopa delegacio de la Bruĝa Grupo.





En la parolata gazeto de la 29a de aprilo partoprenis: Sro. Ch. Poupeye: « Raporto pri la jubileaj festoj en Charleroi » ; F-ino. L. Vermeersch : « Jen ĝi estas » ; F-ino. M. Willems : « Societa problemo solvita » ; S-ino. G. Poupeye : Humoraĵo : « Strange ».

La 5an de majo, okazis ĝenerala interparolado pri la kermesa foiro en Bruĝo. Humoraĵoj gajigis la kunvenon de la 13a de majo. La kunveno de la 20a estis dediĉata al legado de B.E., kun klarigoj kaj komentarioj.

Sro. Rob. Lagast, komisiito de la belga sekcio de TEJO, faris la 27an de majo, interesan paroladon pri « Esperanto kaj Junularo ». Sekvis vigla interŝanĝo de ideoj pri la sama temo.

La legado de B.E. estis daŭrigata dum la kunveno de la 3a de junio. La 10-an, F-ino. Yv. Poupeye paroladis pri Schumann, lia vivo kaj liaj verkoj. Sekvis aŭdigo de la disko « Pianokoncerto opus 54 » de tiu fama komponisto. La 17an de junio, okazis lerniga kaj amuza portretludado.

En la sekcio de St-Michiels, la perfektiga kurso sub gvidado de Sro. R. Behaeghel finiĝis la 2an de junio. F-ino. L. Vermeersch, nome de la gelernintoj, esprimis dankojn al la sindonema kursgvidinto kaj proponis al li, kiel memoraĵon, interesan libron. S-ro. Ch. Poupeye, grupa prezidanto, aldonis la sincerajn dankojn de la komitato kaj de ĉiuj grupanoj kaj esprimis la esperon ke la sekcio de St-Michiels plie progresu dum la venonta aŭtuno. La gelernintoj plie kunvenis la 9an kaj la 16an de junio por praktika aplikado de la lingvo per ludoj kaj diversaj ekzercoj.

**Programo de la venontaj kunsidoj :**
1-e) Sekcio de St-Michiels : Dum julio kaj aŭgusto, pro libertempa fermado de la komunuma lernejo, ne plu okazos kunvenoj. Nova elementa kurso estas antaŭvidata por septembro.

2e) Grupo en Bruĝo : En la hotelo « Wellington », placo « 't Zand » N° 18, (Tel. 316.33), salono je la 1-a etaĝo, laŭ la hotela enirejo. Pro la libertempo estas antaŭvidata nur unu kunveno dum aŭgusto, nome la 12an, je la 8a vespere, kun temo: « Ehoj pri la Universala Kongreso ». En okazo de vizito de eksterlandaj samideanoj, la grupanoj estos aparte kunvokataj. La ĉiumardaj kunvenoj rekomenciĝos regule ek de la 2a de septembro kaj nova kurso por komencantoj estas antaŭvidata dum tiu monato.

BRUSELO
**Reĝa Esperantista Brusela Grupo**
(Poŝtĉeknumero : 12.30.48)

La 12an de majo, F-ino Rosette Huysmans prizorgis amuzan vesperon, kiu bone sukcesis. Ŝi prezentis diversajn ludojn, kiujn pluraj membroj vigle partoprenis kaj kiuj estis okazo por pripensado kaj serĉado.

La 19an, S-ro D. van der Stempel laŭkutime prizorgis perfektigan kurson kaj la 26an ne okazis kunsido pro la pentekostaj tagoj.

La 2an de junio, la kunsido escepte okazis en la ejo de la « Cercle Polyglotte », kiu invitis la grupon por propaganda vespero.

La Prezidanto, S-ro R. Jacobs, faris enkondukan paroladeton kaj poste disvolviĝis la ordinara kunsido, kiun ĉeestis membroj de la poliglota klubo, kiuj tiamaniere havis la okazon aŭdi nian lingvon en la praktika uzado.

La 9an, okazis plene sukcesinta vespero, dum kiu S-ro Leos Horsky, londona samideano, kiu speciale veturis Bruselen, faris tre interesan paroladon pri « Rembrandt, lia vivo kaj ver-

koj ». Post iom detala pritrakto de la vivo mem de la granda artisto, S-ro Horsky montris per projekcio sur la blanka tuko diversajn el la plej bonaj pentraĵoj de Rembrandt kaj donis pri ĉiu el ili tre klarajn priskribajn detalojn.

La paroladisto akiris varman aplaŭdon, kiun substrekis S-ro R. Jacobs, kiu ankaŭ estis prezentinta S-ron Horsky, kiu revenos al nia lando post kelkaj semajnoj, por fari sian paroladon ankaŭ en Antverpeno.

La 16an, nia fidela samideano Claude Piron faris paroladon pri Usono kaj speciale pri Nov-Yorko, kie li jam dum pli ol du jaroj dejoras ĉe la U.N.O.-administracio.

Liaj klarigoj estis vere tre interesaj, ĉar ili montris alian vidon sur Ameriko ol oni ĝenerale havas per filmoj aŭ libroj.

Lia sukceso estis do granda kaj la dankvortoj de la prezidanto plenlaŭdaj.

La 23an, S-ro van der Stempel gvidis, unu foje pli, perfektigan le cionon, atente sekvatan de la ĉeestantoj.

La 30an, estis iom grava tago por la Grupo : okazis la diplomdisdono al la lernintoj de la kurso gvidita de S-ino R. Jacobs kaj samtempe kabaretvespero prezentata de la Teatra Sekcio de la Antverpena « La Verda Stelo ».

Tiu ĉi sekcio prezentis diversajn numerojn, enkondukatajn de S-ro L. De Marré kaj al kiuj kunlaboris en skeĉoj, deklamado, pianoludo kaj kantado kun pian-akompano: F-inoj Cl. Peeters, Yv. Cools kaj Maryvonne De Hertoghe, S-roj F. Schellekens, F. Aertssens, A. Duchesne, M. Van Brabant, L. Van Bulck kaj A. Peper.

Nia sekretariino F-ino R. Huysmans, kiu jam kunludis kun la antverpenanoj ankaŭ nun kunlaboris al du skeĉoj, dum F-ineto Nadine Baudour prezentis belan dancon kaj S-ro van der Stempel ludis « la Espero ».

Ĉiuj cititaj artistoj, — same kiel S-ro J. Verstraeten, kiu ĉion prizorgis, — plene meritis la longajn aplaŭdojn, kiuj sekvis post ĉiu numero kaj la dankvortojn de la prezidanto. La kunlaborantinoj estis krome speciale dankataj per belaj floroj.

Dum la diplomdisdono, kiu antaŭiris la kabareton, S-ro R. Jacobs gratulis la lernintojn, dankis la profesorinon kaj transdonis la diplomojn al la sukcesintoj en la ekzameno : kun plej granda merito: S-ro Ghiste; kun granda merito : S-ino G. Baudour kaj kun sukceso : S-ino Devillé kaj S-ro Desaegher.

S-ino J. Plyson, vicprezidantino de R.B.L.E., kiu senkulpigis la prezidanton, malhelpatan pro la sanstato de S-ino Jaumotte kiu estas operaciita, siavice gratulis la laŭreatojn.

**Programo de la venontaj kunsidoj :**

Ĉiulunde, je la 20a h., en « Brasserie de la Justice », 38, place du Grand Sablon, Bruselo 1a, Tel: 12.64.76.







**Jenan bonhumoran trion la reprezentanto de la taĝjurnalo « La Meuse » surprize fotografis en la Urbodomo de Charleroi, ĉe la solena akcepto, okaze de la ora jubileo de la Grupo : La Liga Prezidanto, S-ro Maur. Jaumotte (meze) kun Grafo Georges de Cuyper (dekstre) kaj S-ro R. Paulus (maldekstre), resp. prezidanto kaj sekretario de la jubileinta grupo.**

---

**Julio :** London, la 7an: Parolata jurnalo; la 14an: Tradukvespero; la 21an: Komuna Legado; la 28an: PAROLADO DE JUGOSLAVA SAMIDEANO, S-ro Ivica SPONAR, el Zagreb, pri « Amuzo tra Esperanta Literaturo ».

**Aŭgusto:** la 4an: PAROLADO DE NIA SKOTA AMIKO, S-ro Alex WYLIE, el Edinburgh, pri liaj lastaj travivaĵoj; la 11an: PAROLADO DE ANGLA SAMIDEANO, S-ro Leos HORSKY, el Londono, pri « Londono »; la 18an: Komuna Legado; la 25an: Amuza Vespero, gvidota de S-ro Louis BAUDOUR.

CHARLEROI.

**Karloreĝa Grupo Esperantista.**

Dum la lastaj monatoj, la ordinara kurso okazis regule, ĝin ĉeestas pluraj fervoraj lernantoj. Post la kurso, oni kutime praktikas spritajn ludojn, tio ĉi sajnas bonega ekzerco por ĉiuj lernantoj.

La 27an de februaro, okazis prelego pri Indo-Ĉinujo farita de S-ro de Cuyper. Tiu temo estis jam priparolata pasintan jaron; sed pro peto de ĉiuj, nia Prezidanto ankoraŭ prelegis publike pri la aziaj kutimoj. Tiu prelego estis tre ŝatata de la aŭdantaro kaj estis bonega propagando favore al la Grupo de Charleroi.

La 10an de Junio, S-ro Parmentier, sperta kompetentulo, faris en la grupejo interesan paroladon pri « Vitrofarado ».

Intertempe, la 27an de Aprilo, nia Grupo festis sian Oran Jubileon; jam aperis raporto pri ĝi en la lasta numero de nia revuo. Tamen ni deziras danki ankoraŭ ĉiujn, kiuj partoprenis tiun feston, tutspeciale la diversajn Grupojn por iliaj belaj donacoj kaj la afablajn kunlaborantojn al la kabareta vespero ; tiuj-ĉi grandparte kontribuis al la sukceso de nia festo.

# RECENZOJ

**« Sciencaj Studoj »** sub redakto de D-ro Paul Neergaard. Eld. Intern. Scienca Asocio Esperantista en Kopenhago 1958. 240 paĝoj. Prezo : 25 Dan. kr. aŭ 4 Us. Dol. aŭ 50 steloj. Formato 18×26.

La jam delonge atendita eldono kaj epoka evento en le historio de E-o. Tre bela prezento sur tre bona papero. Enkonduko kaj du partoj : Humanisma kaj Matematika-Naturscienca. La eldonejo demandas ke la redakcioj sendu la verkon al la akademie plej kompetenta persono por recenzi. Eldonejo kaj verko certe rajtas tion. Sed ni devus doni la verkon en manoj de multaj specialistoj, tiom varia estas la enhavo. Mi citas : pri reformo de Ĉina skriblingvo ; kuniga vokalo en moderna Rusa lingvo ; la jura karaktero de rekomendoj ; pri verboj de Shakespeare ; pri la genezo de popolkantoj ; postsignoj de Romo en la Itala pejzaĝo ; vitaminbezonoj de algoj ; biogenezo, formevoluo en la organisma mondo; biooceanografiaj studoj en Argentino; seksdeterminado ĉe silkraŭpoj; pri simplaj astronomiaj objektivoj. Jen nur parto de la enhavo ! Ĉu ne Kiom da specialaĵoj jam ! Post ĉiu artikolo venas resumo en iu nacia lingvo. Preskaŭ ĉiuj kunlaborantoj estas famaj sciencistoj. Tial oni ne tro povas taksi la propagandan kaj la sciencan valoron de tiu publikigaĵo. Ni forte esperas ke ĝi venos en manoj de sciencistoj-ne-esperantistoj. Ili certe foje pensados kiam ili havos tion en mano. Unu de postuloj de scienca laboro estas kompleteco. Nu, ĉar depost kelkaj jardekoj tiom da nacioj iĝis civilizitaj kaj publikigas science en nacia lingvo, tre multaj sciencistoj ne plu kapablas informiĝi pri iliaj artikoloj kaj esploroj. Internacia lingvo iĝas urĝe necesa ; kaj tie-ĉi ili vidas la solvon. Li libro estas tial propagandilo « par excellence ». Ĝi estas ankaŭ ornamaĵo por la biblioteko. Mi aldonu ankoraŭ ke D-ro Neergaard verkis resumon pri 50 jara scienca agado per Esperanto, kun multaj fotoj pri sciencistoj-esperantistoj. En unu de la venontaj numeroj ni esperas publikigi iom detalan recenzon pri la enhavo.

Drs. F. R.

Prof. D-ro Ivo Lapenna « RETORIKO ».

Baldaŭ aperos la dua eldono de tiu-ĉi verko. Tio per si mem atestas kaj pri la sukceso kaj pri la valoro. La dua eldono estos komplete reviziita kaj konsiderinde kompletigita. Ĝi havos ĉirkaŭ 320 paĝojn ; antaŭparolon de G. Waringhien kaj foton de la verkisto. Por tiuj kiuj mendos kaj pagos antaŭ la unua de aŭgusto estos de la prezo 18 Anglaj ŝiling. por tolbindita kaj 15 por broŝurita ekz. (resp. 9 kaj 7.50 Ned. Guld.) Post tiu dato : 2 kaj 1.50 guld. pli. Mendebla ĉe f-ino M. Vermaas 70, Nieuwe Binnenweg, Rotterdam aŭ ĉe la aŭtoro I. Lapenna 77, Grasmere Avenue WEMBLEY, Middlesex, Engeland.

* * *

U.E.A. eldonas du seriojn da Kristnask-kaj Novjarkartoj kiuj montras belajn reproduktaĵojn de famaj Holandaj pentraĵoj el la ora jarcento, la 17a. Do, depost nun ne plu sendu tiujn banalajn komercajn kartojn. Prezo : po serio kun la kovertoj 3 Ned. Guld. aŭ 12 steloj.

* * *

Ankoraŭ la « Sciencaj Studoj » de ISAE. Se ĉ. 400 abonantoj anoncas sin je kotizo de 5 Us. Dol. tiam povos ĉiun duan jaron aperi volumo kun sciencaj studoj en amplekso de 200 ĝis 250 paĝoj. Ni tre esperas ke multaj esperantistoj estas pretaj ĉiudujare pagi tiun ne tro altan sumon. Ni devas eldoni sciencajn verkojn kaj ni devas penetri en sciencaj medioj. Interesiĝantoj skribu al Sciencaj Studoj ; eldonejo KOKO Randbolvej 4 KOPENHAGO F Denemarken.

* * *

Publikigaĵoj de la GEVAERT-fabrikoj.

Tiu mondfamkonata fabriko eldonis en Esperanto « Konsiloj por Fotografemuloj » kaj eksponmezuran tabelon. La firmo estas nuntempe tre favora al nia lingvo. La samideanoj grandnombre demandu tiujn du aferojn (senpage). Ili direktu sin prefere al la landa reprezentanto de Gevaert pere de la kutima fotografa komercisto.



## LISTO DE LA MEMBROJ-KOMERCISTOJ

### Antverpeno

**Presejo „Espero"**, Dianalaan 180, Berchem.
**W. Van Nereaux-Ameryckx**, Overdekte Markt, 22-24, Van Wesenbekestr. — Viandisto.
**Hugo Jacques**, Lange Beeldekensstraat, 25. Presaĵoj Tel. 33.75.38
**„Schoenen BED"** (S-ino E. Bed), Lge. Gasthuisstr. 6. Ŝuoj Tel. 32.62.86
**G. Faes**, Schoenmarkt, 16. Ĉiuj muzikaĵoj, instrumentoj, radio kaj gramofono Tel. 32.67.21
**Roger Jaumotte**, Cyriel Buyssestr. 44, Anoncoj en taĝjurnaloj. Tel. 37.47.14
**K. Ameriickx**, Melgesdreef 40, Merksem. Centra Hejtado. Tel. 45.81.07
**R. De Soete-Vanistendael**, Dambruggestraat 234, Okulvitroj — Rab. 5 %
**CL. Peeters**. Onderwijsstraat 68. Apotekejo Tel. 35.40.67
**Firmo van Iseghem & Verstraeten**, St. Bernardse steenweg 631, Hoboken Vitraĵoj — Speguloj. Tel. 37.88.20
**J. Van Nereaux**, Sterstraat 1. Viandisto Tel. 39.55.81
**H. Peeters**, Vordensteistr. 58, Schoten. Inĝen. : Neonlumo, Reklamoj. Tel. 81.48.47
**Verdiick**, St. Rochusstraat 174, Deurne. Ĉiaj asekuroj kaj hipotekoj. Tel. 39.06.07
**P. Peelman**, Volkstraat 34. Fumaĵoj — Pantofloj. Tel. 37.62.55
**A. van den Neste**, Deurnebaan 30, Merksem. Presad-inkoj. Tel. 45.78.59
**„In 't Duifken" (S-ano Paesmans)**, Lge Koepoortstr. 64 : Kostumoj (5 % rab.)
**Vino Max Bolsius**, Diepestr. 58-60 : Kuirejilaro. Tel. 32.57.85
**M. Philips, K.**, Rogierstr. 1, Antverpeno. Korsetoj — Rab. 5-10 % p.l. membroj.
**P. van der Hoydonck-van den Buys**, Kapelsesteenweg 549, St. Mariaburg ŝuoj — Teksaĵoj — Merceraĵoj. Tel. 74.27.86
**J. Montmirail**, Kortemarktstraat 53, Berchem. Arĥitekto. Tel. 39.58.66
**Morris de Ketelaere**, Oostenstraat 25. Privataj lecionoj pri lingvoj, ankaŭ pri Esperanto. Tel. 39.17.09
**S-ino Henny Jacques-de Ketelaere**, Lange Beeldekensstr. 31. Gramofonaj diskoj por meminstruado. Tel. 33.75.38
**J. Van Hoof**, Marialei 7. Pentraj-entrepenoj Tel. 39.35.33

### Bruĝo

**Marcel Poupeye**, Elf Julistr. 32.Ĉiaj asekuroj en la tuta lando Tel. 371.93
**Charcuterie Strovi**, Vlamingstraat 38 (Teatroplaco). Viandvaroj. Tel. 334.08
**Maison Joye**, Geldmuntstraat 29. Ĉemizoj, Gantoj, Kravatoj. Tel. 332.75
**Firmo G. Verbeke**, Spinolarei 19 : Konstrumaterialoj. Speciale naturŝtono de Jura. Tel. 321.85
**Pan- kaj Kukbakisto R. Rosseel**, Mariastraat 30. Konsumsalono. Tel. 338.34

### Bruselo

**M. Jirousek**, 104 rue du Téléphone; reklamoj kaj litertipoj Tel. 18.77.67
**Farmaciisto Jacobs**, 94 rue général Eenens Bruxelles 3. Tel. 15.26.01
**„Bonbons Swinne"**, 77 rue de Nieuwenhove. Tel. 44.57.36
**Carrelages „Carrat"**, 19 avenue de Saxe. Tel. 21.74.49

**KOMERCISTOJ kiuj senkoste propagandas por Esperanto per reklamoj en siaj butikoj**

**G. Baeten**, Belpairestraat 53, Berchem. Frizitoj por sinjoroj. Tel. 39.22.81
**„De Boerinnekens" (Clem. Van Hassel)**. Estro de la trinkejo en la Flandra Operdomo.
**A. Roels**, Montignystraat 155. Ledaj artikloj-Selisto. Tel. 37.14.07
**Librejo Schuttershof**, Schuttershofstr. 36 : luo, aĉeto, vendo de libroj.
**Vojaĝ-agentejo Pier Busseti**, Frankijklei 32 : privataj kaj grupvojaĝoj.